ricevis, meritas apartan atenton. La « Annales Politiques et Littéraires » (Politikaj kaj Literaturaj Jarnotoj) enpresas kurson de Esperanto kiu komencis en la Decembra numero. Ĝiaj abonantoj povos partopreni al konkurso kun multaj premioj, el kiuj la ĉefa estos senpaga vojaĝo per la Francaj fervojoj de la landlimo aŭ de la loĝejo en Francujo ĝis Boulogne-sur-Mer dum la Kongreso.

La « Annales Diplomatiques et Consulaires » (Diplomataj kaj Konsulaj Jarnotoj) rikoltis, per Esperanto, opiniojn de multaj fremduloj pri la « Flavrasa Danĝero » kaj ilin kunigos en serio da artikoloj.

« The Folkestone Herald » (Folkestona Heroldo) raportas pri vizito de Francaj Esperantistoj kaj anoncas fondon de nova tiea grupo.

« The British Esperanto Association « (Angla Societo) disdonas sian dupencan propangandan folion, enhavantan multajn sciigojn, adresaron de Societoj, k. t. p.

La Greka Psikiatria kaj Nevrologia Revuo publikas enhavon de ĝia dua jarkolekto en Esperanto.

La « Bulletin de l'Union des Sténographes et Espérantistes Gapençois » (el Gap, Franca Alpa urbo) enhavas kurson de Esperanto kaj multajn artikolojn skribitajn Esperante.

« La France du Nord » raportas pri vizito de Anglaj samideanoj en Boulogne-sur-Mer, kunveno, festo, k. t. p. « La Banlieue de Paris » enhavas longan raporton pri parolado de Sro Th. Cart ĉe la grupo de Charenton. Tiu parolado estis « dialogigita » t. e. kelkaj personoj partoprenas teatran scenon kiu montras utilon, neceson kaj facilecon de Esperanto. Tiu nova elmontro kaj la koncerto kiu finigis la kunvenon ricevis grandan sukceson. Ni citu ankoraŭ la ĵurnalojn : « La Petite France » el Le Havre, « Lyon Républicain », « La Turco-Revue » el Alĝero, k. t. p.

Jos. JAMIN.

uns de ceux qui nous ont été envoyés, méritent une attention spéciale.

Les Annales Politiques et Littéraires contiennent un cours d'Esperanto qui a commencé dans le n° de décembre. Les abonnés de cette revue pourront prendre part à un concours avec plusieurs primes, parmi lesquelles la principale sera un voyage gratuit sur les chemins de fer français de la frontière ou de toute ville de France jusque Boulogne s/Mer pendant le congrès.

Les Annales Diplomatiques et Consulaires ont rassemblé, au moyen de l'Esperanto, les opinions de plusieurs étrangers sur le « Péril jaune » et elles les publient dans une série d'articles.

« The Folkestone Herald » donne un compte-rendu d'une visite d'Espérantistes français et annonce la fondation d'un groupe local.

« The British Esperanto Association » distribue sa feuille de propagande à 2 pence contenant de nombreuses indications, des adresses de sociétés, etc.

La Revue grecque de Psychiâtrie et de Névrologie publie la table des matières de sa seconde année en Esperanto.

Le Bulletin de l'Union des Sténographes et Espérantistes Gapençois (de Gap dans les Alpes françaises) contient un cours et plusieurs articles d'Esperanto.

« La France du Nord » rend compte d'une visite de partisans Anglais à Boulogne s/Mer, réunion, fête, etc.

« La Banlieue de Paris » contient un long compte-rendu d'une conférence de M. Th. Cart au groupe de Charenton.

Cette conférence était dialoguée, c'est-à-dire que quelques personnes prenaient part à une scène théatrale qui démontre l'utilité, la nécessité et la facilité de l'Esperanto. Cette nouvelle démonstration et le concert qui termina la réunion obtinrent un grand succès.

Citons encore les journaux : La Petite France, du Havre, Lyon Républicain, la Turco-revue d'Alger, etc.

Jos. JAMIN.

*van deze die ons toegezonden werden verdienen eene bijzondere opmerking.*

*De « Annales Politiques et Littéraires » bevatten eenen leergang van Esperanto, die begonnen is in het nummer van December.*

*De inschrijvers op dit tijdschrift zullen kunnen deelnemen aan eenen wedstrijd met verscheidene prijzen, waaronder de belangrijkste zal bestaan uit eene kostelooze reis op de Fransche ijzerwegen, van aan de grens of van gelijk welke Fransche stad tot Boulogne a Zee, gedurende het kongres. De « Annales Diplomatiques et Consulaires » hebben, bij middel van het Esperanto, de denkwijzen verzameld van verscheidene vreemden, nopens het « Geel gevaar »; zij geven die nu in eene reeks artikelen uit.*

*« The Folkestone Herald » geeft een verslag van een bezoek van Fransche Esperantisten en kondigt de stichting aan eener plaatselijke groep.*

*« The Britisch Esperanto Association » deelt aan 2 pence zijn propagandablad uit, behelzende talrijke aanwijzingen, adressen van maatschappijen, enz.*

*Het Grieksch tijdschrift van Zielkunde en Zenuwkunde geeft de inhoudstafel van zijnen tweeden jaargang in het Esperanto uit.*

*Het bulletijn der stenografen- en Esperantistenvereeniging van Gap (in de Fransche Alpen) bevat eenen leergang en verscheidene Esperantische artikelen.*

*« La France du Nord » geeft verslag over een bezoek van Engelsche partiigangers aan Boulogne a/Zee, vergadering, feest, enz.*

*« La Banlieue de Paris » behelst een lang verslag over eene voordracht van Mr Th. Cart aan de groep van Charenton.*

*Deze voordracht was gesprekswijze, 't is te zeggen dat eenige personen deel namen aan een schouwburgachtig tooneel dat het nut, de noodzakelijkheid en het gemak van het Esperanto betoont. Deze nieuwe vertooning en het koncert dat de vergadering sloot, behaalde een grooten bijval.*

*Melden wij nog de bladen: La petite France van Le Havre, Lyon Républicain, de Turco-revue van Algiers, enz.*

Vertaald door A.-J. WITTERYCK.

## Nekrologio.

La morto, denove, falĉis en la Esperantistajn rangojn.

Unu el la plej sindonemaj membroj de la komitato de la Franca Societo por la propagando de Esperanto, Sinjoro Lucien Bernot, mortis de kelkaj tagoj en *Fontenay sous Bois.*

Lucien Bernot, plibone konata sub la pseŭdonomo « Elber No » verkis multajn muzikaĵojn pri kiuj ni ofte parolis ; li direktis ankoraŭ, en la ĵurnalo : L'Espérantiste » la rubrikon « amuzaĵoj » ; lia sindonemo al nia afero estis ĉiutaga kaj ni povas montri ĝin kiel ekzemplo al niaj amikoj.

Li estis unu el la plej fervoraj kunbatalantoj niaj kaj ni prezentas al lia familio la sinceran kondolencon de la Belgaj Esperantistoj.

La Redakcio.

## Kroniko Belga.

**Paroladoj.** Dum ĉi tiuj lastaj monatoj, la membroj de l'Antverpena Grupo faris kelkajn paroladojn :

Dum la Novembra monato, S^ro^ A. Vander Biest faris tre sukcese paroladeton por Esperanto ĉe la Antverpena Sekcio de la Federacio de l'Instruistoj; la 5^an^ de Decembro, S^ro^ Van Schoor, vic-prezidanto de l' Grupo, aŭdiĝis en Dendermonde (Termonde) poresperantajn parolojn : tiu parolado, farita en la Urbestrara Domo antaŭ granda aŭdantaro, ankaŭ ĝuis grandan sukceson, kies eĥojn oni trovis en multaj ĵurnaloj, precipe en « *Gazet van Antwerpen* »; fine, nia amiko S^ro^ Coox paroladis, la 21^an^ de Decembro, ĉe la « Club Philatéliste de Bruxelles ».

**Diversaĵoj.** Antaŭ kelka tempo, nova ĵurnalo: « *La Presse* » naskiĝis en Antverpeno : en ĝia unua numero, tre pruvema artikoleto, sciigante pri nia lingvo, raportis pri la grandaj sukcesoj de niaj Anglaj Esperantistaj amikoj S^ro^ Lekeu en « *Réveil de Bruges* » kaj S^ro^ E. Mathys en « *Le Moniteur des Notaires* » daŭrigas sian serion da artikoloj por Esperanto. En « *Le Matin* » kaj « *Handelsblad* » el Antverpeno aperis laŭdaj artikoletoj pri la nova verko : « Paĝoj el la Flandra Literaturo ». Aliparte, « *Handelsblad* » publikiĝis serion da artikoloj favore de l' malfeliĉa posteulo de Volapük : « Idiom Neutral ». Ĉu ia respondo estas vere necesa ?

En unu el la lastaj numeroj de l' ĵurnalo : « *Le Matin* », ni legis bonegan artikolon por Esperanto : ĝi raportis interparoladon kun S^ro^ R. Van Melckebeke, prezidanto de l' Grupo. Per « *Gazette de Liége* », ni eksciis ke, pro tro granda aŭdantaro, oni devis estigi duan kurson de Esperanto, kiu estos farata de S^ro^ Sloutzky. S^ro^ Witteryck ĵus finis la kurson de Esperanto kiun li presigis en sia ĵurnalo : « *De Lusthof* » : de nun, li presigos interesajn legaĵojn en nia lingvo ; inter la abonantoj de tiu tre kuraĝiginda revuo, jam 222 aprobis la agadon de S^ro^ Witteryck por la diskonigo de Esperanto. Tio estas bela rezultato.

Ni ankaŭ konigu ke Italo, S^ro^ Luis Carlos el Bardonnèche (Piemontlando) apudestas la kursojn de l' Sekcio Esperantista de l' Klubo Poliglota (Bruselo) kaj ke, dank'al Esperanto kiun li facile parolas, li prosperis trovi oficon en presejo Brusela.

D^ro^ M. SEYNAEVE.

### Chronique Belge.

**Conférences.** Plusieurs conférences ont été faites en ces derniers temps par des membres du Groupe d'Anvers :

Dans le courant du mois de Novembre, M^r^ A. Van der Biest a fait avec grand succès une causerie sur l'Esperanto au sein de la Section Anversoise de la Fédération des Instituteurs ; le 5 Décembre, M^r^ Van Schoor, vice-président du groupe, allait porter la bonne parole à Termonde. Cette conférence, faite à l'Hôtel de ville devant un nombreux auditoire, recueillit aussi un vif succès dont les échos se retrouvèrent dans plusieurs journaux, notamment dans la « *Gazet van Antwerpen* »; enfin, notre ami M^r^ Coox a conférencié, le 21 Décembre, au Club Philatéliste Bruxellois.

**Nouvelles diverses.** Il y a quelque temps, un nouveau journal : « *La Presse* » a vu le jour à Anvers : dans le premier numéro un articulet très suggestif, présentant notre langue, relatait les brillants succès remportés par nos amis d'Angleterre. M^r^ Lekeu dans le « *Réveil de Bruges* » et M^r^ E. Mathys dans le « *Moniteur des Notaires* » continuent leur série d'articles. Dans « *Le Matin* » et le « *Handelsblad* » d'Anvers, ont paru des notices élogieuses pour l'ouvrage « Paĝoj el la Flandra Literaturo ». D'autre part, le « *Handelsblad* » a publié une série d'articles en faveur du malheureux successeur du Volapük : l'Idiom Neutral. Une réponse est-elle bien nécessaire ?

Dans l'un des derniers numéros du journal : « *Le Matin* », nous avons lu, sous la forme d'une interview avec M. R. Van Melckebeke, président du Groupe, un excellent article de propagande pour l' Esperanto. Par la « *Gazette de Liége* » nous avons appris que, par suite du trop grand nombre d'auditeurs, un second cours d'Esperanto, professé par M^r^ Sloutzky, a dû être organisé. M^r^ Witteryck a terminé le cours d'Esperanto qu'il donnait dans son journal flamand : « *De Lusthof* » ; il publiera dorénavant des lectures intéressantes dans notre langue. Parmi les abonnés de ce journal, 222 ont approuvé jusqu'ici les efforts de M^r^ Witteryck pour l'enseignement de l'Esperanto. C'est un beau résultat.

Signalons aussi qu'un Italien, M^r^ Louis Carlos de Bardonnèche (Piémont) fréquente la section Espérantiste du Cercle Polyglotte de Bruxelles et que, grâce à l'Esperanto qu'il parle très bien, il a pu trouver un emploi dans une imprimerie Bruxelloise.

D^r^ M. SEYNAEVE.

### Belgische Kroniek.

**Voordrachten.** *Verscheidene voordrachten werden in deze laatste tijden door de leden der Antwerpsche groep gegeven.*

*In den loop der maand November heeft M. A. Van der Biest met veel bijval een gesprek gevoerd over het Esperanto in den schoot van de Antwerpsche afdeeling der Onderwijzersvereeniging; op 5^n^ December ging M^r^ Van Schoor, ondervoorzitter van de groep, de goede leer te Dendermonde prediken. Deze voordracht, gegeven in het stadhuis vóór een talrijk toehoorderschap, verwierf ook een levendigen bijval waarvan weêrklank in verscheidene dagbladen, voornamelijk in de « Gazet van Antwerpen » te hervinden was; eindelijk heeft onze vriend M^r^ Coox op 21^n^ December gesproken in den « Club Philatéliste Bruxellois ».*

**Verscheidene berichten.** *Over eenigen tijd heeft een nieuw blad : « La Presse » te Antwerpen het licht gezien : in het eerste nummer behandelt een zeer opwekkend artikeltje, dat onze taal voorstelde, de schitterende uitslagen behaald door onze vrienden van Engeland. M^r^ Lekeu in de « Réveil de Bruges » en M^r^ E. Mathys in den « Moniteur des Notaires » vervolgen hunne reeks artikelen. In « Le Matin » en het « Handelsblad » verschenen lofbiedende nota's over het werk « Paĝoj el la Flandra Literaturo ». Van een anderen kant heeft het Handelsblad eene reeks artikelen uitgegeven ten voordeele van het « Idiom Neutral. » — Is een antwoord wel noodig?*

*In een der laatste nummers van het dagblad « Le Matin » hebben wij, onder den vorm van een interview met M^r^ R. Van Melckebeke, voorzitter der Groep, een uitmuntend propaganda-artikel voor het Esperanto, gelezen.*

*Wij hebben door de « Gazette de Liége » vernomen dat, ten gevolge van het te groot getal toehoorders, een tweede leergang van Esperanto, onderwezen door M^r^ Sloutzky, is moeten ingericht worden. M^r^ Witteryck heeft den leergang, welken hij in « De Lusthof » gaf, geeindigd; voortaan zal hij belangwekkende lezingen in onze taal uitgeven. Onder de ingeschrevenen van dit blad, hebben er tot hiertoe reeds 222 de pogingen van M^r^ Witteryck betrekkelijk 't onderwijs van 't Esperanto goedgekeurd. 't Is een schoone uitslag.*

*Melden wij ook dat een Italiaan, M^r^ Louis Carlos van Bardonnèche (Piemont) de Esperantische afdeeling van den Talenkring van Brussel bijwoont en dat hij, dank aan het Esperanto dat hij zeer wel spreekt, eene bediening heeft kunnen vinden in eene Brusselsche drukkerij.*

Vertaald door A. J. WITTERYCK.

## Nia propaganda broŝureto.

Ni memoras al niaj gelegantoj la propagandan broŝureton speciale eldonitan de « La Belga Sonorilo » por la disvastigado en Belgujo.

Nova eldono kun la sciigoj pri la Belgaj grupoj, estas presita de la 1^a^ de Januaro 1905.

La broŝureto kostas nur 0.15 frankon.

Por la propagando, la prezo de unu cento estas 5 frankoj.

Sin turni rekte ĉe nia administracio.

## Fiasko

(de Anton Ĉeĥov).

Ilja Sergeeviĉ Peplov kaj lia edzino Kleopatra Petrovna staris apud la pordo, avide okupitaj je subaŭskulto. Post la pordo, en malgranda salono, ŝajnis malvolviĝi deklaracio de amo. Tiu ĉi deklaracio fariĝis inter ilia filino Nataŝinjo kaj la lernigisto de la distrikta lernejo Ŝĉukin.

— La fiŝo iras al la hoko! — mallaŭte diris Peplov, tremante de malpacienco kaj frotante al si la manojn. Aŭdu min, Petrovna! En la momento, kiam li ekparolos pri siaj sentoj, tuj demetu de l' muro la sanktfiguron, kaj ni rapide benos ilin.... Ni certege kaptos lin.... La beno per la sanktfiguro estas sankta kaj nerompebla.... Li ne povos defariĝi de ni, malgraŭ ĉio ajn.

Dume post la pordo la sekvanta konversacio havis lokon.

— Vi estas en eraro! — diris Ŝĉukin, fajrigante alumeton per froto sur sia ĉeldesegna pantalono. — Mi eĉ ne pensis skribi al vi leterojn.

— Kaj vi opinias ke mi tuj kredos vin? — diris la fraŭlino, ridegante kaj afekte krietante sen forgesi (*) ekzameni sin en la spegulo. — Mi tuj rekonis vian manon! kia strangulo vi estas? Lernigisto de skribarto, kaj vi skribas kiel kokino per la piedeto! kiel vi povas lernigi, se vi mem skribas malbone?

— Hm.... Tio ĉi nenion signifas. La ĉefaĵo de la skribarto estas ne la skribo mem, sed ke la lernantoj ne forgesu siajn devojn. Al unu oni devas doni per la liniilo sur la kapon, la duan oni devas genustarigi... kaj vi diras — skribo! Al kio la skribo, kiu estas pura bagatelo? Nekrasov estis verkisto, sed kian manskribon li havis?! En la kolekto de liaj verkoj estas modelo de lia mano.

— Nekrasov! — diris ĝemante la fraŭlino. — Nekrasov estis verkisto dum vi.... Verkiston mi edzinigus kun plezuro. Li ĉiam skribus por mi versaĵojn kiel memoraĵon.

— Versoj? Mi ankaŭ povas skribi ilin por vi, se vi deziras.

— Kaj pri kio vi povas skribi?

— Pri amo.... pri sentoj... pri viaj okuloj.... Vi svenos legante ilin, vi ploregos! Nu, se mi estos skribinte al vi poetajn versojn, ĉu vi permesos al mi kisi vian maneton?

— Kisi? kia grava afero! vi povas kisi tuj!

Ŝĉukin eksaltis de sia loko kaj, larĝiginte l' okulojn, kliniĝis al la mola maneto, odorinta ovsapon.

— Demetu la sanktfiguron! — rapidigis Peplov sian edzinon puŝinte ŝin per sia kubuto. Li paliĝis de malkvieteco kaj butonumis la surtuton. — Ni iru, rapide!

Kaj sen perdi sekundon Peplov malfermegis la pordon.

— Miaj infanoj... — li ekmurmuretis, levinte la manojn kaj tremiginte larmeton en l' okuloj. — Ke Dio benu vin, miaj infanoj.... Vivu, fruktiĝu.... multobliĝu....

— Mi... mi ankaŭ benas vin.... — malrapide diris la patrino, plorante de feliĉo, — Estu feliĉaj, miaj karaj! Ho, vi prenas al mi mian solan trezoron! — diris ŝi al Ŝĉukin. — Amu mian filinon, estu al ŝi delikata....

Ŝĉukin malfermegis la buŝon pro mirego kaj teruro. La atako de l' gepatroj estis tiel subita kaj kuraĝega ke li ne havis la forton diri eĉ unu vorton.

« Kaptita! Perdita! — pensis li, preskaŭ svenante de teruro. — Ci estas enŝlosita sen povi iam eliri! »

Kaj li rezignacie mallevis la kapon kvazaŭ li volis diri: « prenu min, mi estas venkita! »

— Mi be... benas vin, — daŭrigis la patro, siavice ekplorinte. — Nataŝinjo, mia filinjo, stariĝu apud li... Petrovna, donu la sanktfiguron...

Sed subite la patro ĉesis plori kaj lia vizaĝo ŝanĝiĝis de kolero.

— Ŝtipo! — diris li al sia edzino. — Malsaĝa kapo! Ĉu tio ĉi estas sanktfiguro?

— Ha, ĉielo!

Kio okazis? La lernigisto de l' skribarto timeme levis l' okulojn kaj ekvidis ke li estas savita: la patrino, en sia rapideco, prenis de la muro, anstataŭ la sanktfiguro, la portreton de la verkisto Laĵeĉnikov.

La maljuna Peplov kaj lia edzino Kleopatra Petrovna staris konfuzitaj, la portreto en la mano, sen scii kion fari. La lernegisto uzis la embarason kaj forkuris.

El la rusa lingvo trad. A. KOFMAN.

(*) Mi ne vidas kaŭzon, malpermesantan uzi la infinitivon post la prepozicio « sen » kiel ĝin uzas la francoj kaj germanoj. Se la angloj kaj rusoj uzas la participon, la lasta formo estas nek pli malbona nek pli bona ol la infinitivo. A. K.

## Kion oni vidas?

Jes! Kion oni vidas? Ĉiu scias ke, okulo estas optika aparato plej miriga; nenia artefaritaĵo, nenia lensaro (*) povas ĝin bone anstataŭi. Nu! oni provis fari fotografaĵojn per bov' okulo, kaj oni prosperis. Bov' okulon oni sekcis; okul' lenson oni elprenis, aranĝis en specialan aparaton kaj tian naturan lenson oni uzis same kiel artefaritan. Kompreneble, tio ne estis facila; okul' lenso estas tre pereema, post ne longa tempo ĝi sekiĝas kaj perdas sian diafanecon; oni bezonis ĝin meti inter du speciale kurbigitajn pecojn da vitro, interne akvumitajn, kiujn oni kunigis kaj kovrigis per nigra papero, ĉe kies centro oni allasis nur malgrandan truon.

Stranga afero! fotografaĵoj tiel deprenitaj aperis naŭoblaj rilate la vastecon kiun *ni* vidas! Kion bovo vidas? Ĉu ĝi vidas ĉion naŭoble pli granda ol ni? Kia estas la vera vasteco de aĵoj? Ĉu ĝi estas tia, kia ni ĝin vidas, aŭ kia bovo ĝin vidas?? — Oni konjektu!

Sed, estas afero ja pli mirigінda : oni esperimentis

(*) Lenso-lensaro: fr. *lentille (optique)*; lat., ang.: *lens*; germ.: *linse*.

per « kunmetitaj » okuloj insektaj, precipe de skaraboj, kies okuloj konsistas el proksimume 25000 lensoj. (Oni scias ke insekt' okulo konsistas el multego da okuletoj — plej ofte heksagonalaj — lokantaj ĉiu ĉe pinto de nerveto ; imagu diamanton : ĉiu el ĝiaj facetoj estas kvazaŭ okuleto, kaj diamanto-mem estas kvazaŭ okulo « kunmetita »).

Fotografaĵoj deprenitaj per skarab' okulo montris nur multegon da preskaŭ nevideblaj punktoj. — Ilin pligrandiginte, oni vidis ke ĉiu el ili estas fotografaĵoj de la sama objekto, deprenita tra la mikroskopaj lensetoj de tiu « kunmetita » okulo !

Kion vidas skarabo ? Ĉu 25000 figurojn de *unu* objekto ? Kredeble ne ! Kial ĝia cerbo plimultigus tiun objekton ? Tre kredinde, skarabo vidas ĉion tre malgranda ; kaj jam de longatempe, oni opiniis ke, grandeco, vasteco, amplekso, malsimilas laŭ grandeco de l' vidantoj-mem, kaj rilatas ilian grandecon.

—

Cetere, kio estas vasteco kaj grandeco, spaco kaj lumo ? Nur sentaĵoj trafantaj nian cerbon ! Ĉu ĉiuj cerboj sentas same ? Kredeble ne ! Ĉu figuro de tiu-ĉi folio alvenas tiel granda en vian cerbon kiel en mian ? Se mi interŝanĝus miajn okulojn je tiuj de ia el miaj legantoj, ĉu mi revidus saman grandecon ?? — Vi kaj mi, ĉiuj, ni vidas tiun-ĉi folion blanka ; ĉu *mia* cerbo ricevus saman koloron per *viaj* okuloj ?? Tio ne estas certa ! Ni nur interkonsentas pri tiu-ĉi fakto : tiun ĉi koloron ni nomas blanka.

Same pri lumo : ne estas certe ke, ambaŭ rigardante la Sunon, *mi* kaj *vi* ricevus saman kvanton da lumo ; kelkaj birdoj vidas plibone nokte ol tage.

— Ŝajnas, ofte, ke tempo estas longdaŭra ; tamen, tempo eĉ plej longa, esta nenio, tute nenio, rilate al eterneco.

Konkludo : Ĉio estas nur rilata en Universo !

Sciigo pri aparatoj eltirita el Antverpena ĵurnalo « Le Matin ». Cetero originale verkita de

J. COOX,
DUFFEL (Belglando).

Teksto el la rondiranta gazeto « Kunfratiĝo ».

## Esperantaj Verkoj.

**Lernolibroj, Literaturo, Propagandiloj, k. t. p.**

*Notu bone.* — La montritaj ciferoj estas la kosto ĉe la vendistoj. Oni devas aldoni la sendpagon kiam oni deziras ricevi la librojn poŝte.

Ĉiam peto de sciigoj aŭ informoj estu sendota kun poŝtmarko por respondo.

Kun ĉia mendo oni devas aldoni pagon de la libroj menditaj.

KOLEKTO ESPERANTA APROBITA DE D^ro^ ZAMENHOF.

Ĉe Hachette & K^ie^ 79. B^d^ St-Germain, Paris.
**Vocabulaire Français-Esperanto,** de S^roj^ Th. Cart, Merckens kaj Berthelot.
Tria eldono (3^me^ édition) . . . . . . . . . . fr. 2.50

## DIVERSAĴOJ.

Ĉe British Esperanto Association, 14, Norfolk street, Strand, London, W. C.
**How to read the International language Esperanto,** Propaganda folio. . . . . . . . . . Prezo 2^d^

Ĉe la Grupo Esperantista, 28, rue Serpente, Paris.
**Premier Manuel de la langue auxiliaire Esperanto.** . . . . . . . . . . fr. 0,10

Ce L. Vandersleyen, 31,rue des Patriotes, Bruxelles.
**L'Esperanto,** propaganda broŝuro. Eldono de la Belga Sonorilo . . . . . . . . . . Prezo 0,15
Speciala rabato por la propagando, vidu detalojn sur nia kovrilo.

**AVIZO.** — Tiun ĉi rubrikon ni daŭrigos laŭ apero de novaj libroj.
La Esperantistoj de ĉiuj landoj povas peti senpagan enskribon post sendo de ia presita verko. Ili povas ankoraŭ informi nin pri forgesata verko aŭ pri eraro.